ISSN 0352-1583

# TEMPO

1
1992

ČASOPIS HRVATSKOG SAVEZA ZA ESPERANTO
INFORMILO DE KROATIA ESPERANTO-LIGO






Respubliko

# KROATIO

## NOVA ŜTATO EN EŬROPO

Pasis unu terura milita jaro en kiu multaj niaj membroj anstataŭ trankvile okupiĝi pri Esperanto devis savadi sian vivon kaŝante sin en keloj, fuĝante el siaj domoj aŭ per armiloj kontraŭstaras al senskrupulaj agresantoj.

Spite al ĉio nia E-movado funkciis kaj plu agadas – sed nun en la propra ŝtato.

Ni dankas al ĉiuj vi dise tra la mondo kiuj konsolis nin kaj laŭeble helpis al ni en niaj malfacilaj momentoj. Ni intencas kun vi estonte dividi ankaŭ niajn komunajn sukcesojn kaj ĝojojn.

La militio, bedaŭrinde, ankoraŭ daŭras kaj teruras sur Balkano. Helpu al ni ĉesigi ĝin!

amike via Štef

La desegnaĵo sur la kovrilpaĝo prezentas bombardon de la preĝejo en vilaĝo Murvice. La aŭtoro estas invalida infano Pero Žilić.

ZAGREB - **1992. 06. 17.**

broj / numero: **51**
godina / jaro: **XIII (13)**
broj primjeraka / ekzempleroj: 500

osnivač i izdavač / fondinto kaj eldonanto

**HRVATSKI SAVEZ ZA ESPERANTO**
**KROATIA ESPERANTO-LIGO**

članovi uredništva/ redakcianoj

Branko FILIPIĆ, Neven PUFNIK,
Ivan ŠPOLJAREC.

glavni i odgovorni urednik / ĉefredaktoro
grafičko uređenje / grafika aranĝo

**Ivan ŠPOLJAREC**

adresa redakcije / redakcia adreso

Hrvatski savez za esperanto (za „Tempo")
Amruševa 5/I, HR-41000 Zagreb, Kroatio
tel: (38) 041/ 424-660
žiro račun: 30102-678-4863

izlazi tromjesečno / aperas 4-foje jare

cijena 1 primjerka / prezo de 1 ekzemplero
60 HRD

godišnja pretplata / jarabono
200 HRD enlande / 9 ngld eksterlande

tisak / presis

"More" s.p.o. Zagreb




Časopis Hrvatskog saveza za esperanto „Tempo" oslobođen je plaćanja posebnog poreza na promet mišljenjem Ministarstva informiranja Republike hrvatske broj 523-91-2 (klasa 410-19/91-02/476) od 25. ožujka 1991 godine.

# Tempo de ŝangoj - ŝanĝo de "Tempo"

Antaŭ unu jaro ni same kiel multaj ordinaraj eŭropanoj profunde kredis ke milito povas okazi nur al aliaj. Sed, ĝi tamen okazis ali ni. Neniiga. Sovaĝa. Neimageble kruela milito.

Ĉio sanĝiĝis. Iuj najbaroj subite fariĝis malhomoj. Iuj konatoj kaj amikoj senhejmiĝis aŭ malaperis por ĉiam. Ni ĉiuj suferas.

Samtempe, post naŭ jarcentoj, ni rehavigis propran, internacie rekonitan ŝtaton - Respublikon Kroation. Ni feliĉas kaj fieras.

Ankaŭ nia E-movado ne plu estas tiu de hieraŭ. Kroatia Esperanto-Ligo ne mortis kiel iuj pro siaj egoismaj kialoj kaj celoj volis, kaj eĉ proklamis. Ĝi nur funkciis alimaniere, milite (vidu la sekvantajn paĝojn). La ĝisnuna redaktanto de "Tempo" samtempe rezignis pri la redaktado. Tamen KEL refreŝiĝis kaj "Tempo", jen, post unujara paŭzo rekaptas sian aperritmon. Ĝi recevis novan, junan redaktoron, fakte redaktorinon, kiu ek de la venonta numero enspiros novan freŝecon al ĝiaj paĝoj.

En la novaj kondiĉoj kaj kun la nova elano ni daŭrigas brilan tradicion de la antaŭaj generacioj. Jen iuj rememorindaj spuroj: 38-a UK en Zagrebo (1953), 44-a IJK en Zagrebo (1988), 53-a Kongreso de SAT en Rijeka (1980), Internacia Kampadejo en Primošten (1960-1974), Pupteatra Internacia Festivalo en Zagreb (de 1968, ĉiujare), revuoj (*La Suda Stelo*, *La Provo/Konkordo*, *Homo kaj Kosmo*, *La Fervojisto* ktp.), regula semajna kvaronhora *radio-elsendo en Esperanto* de Radio Zagreb (nun Kroatia Radio) (de 1953), pli ol cent libroeldonoj (*Cezaro*, *Moderna Kroatia Prozo*, *Kroatia Poezio*, .....), *Zagreba Instrumetodo* de Esperanto (adaptita al dudeko da lingvoj), kelkdeko da diversaj lokaj E-societoj, *Drama Grupo* de Studenta Esperanto-Klubo el Zagrebo, *Internacia Kultura Servo* ktp. Ni ne forgesu milojn kaj milojn da unuopuloj kiuj ĝis nun pere de nia Ligo konatiĝis kun Esperanto ekŝatis ĝin kaj kun amo flegis. Nomoj de multaj el ili jam estas firme notitaj en la historio de la internacia E-movado (Ivo Lapenna, Ivo Rotkvić, Emilija Lapenna, Marinko Gjivoje, Spomenka Štimec kaj pluraj aliaj).

Kroatoj estas malgranda popolo kiu dum pasintaj jarcentoj estis sub fremda regado kaj devis protekti kaj, ofte kaŝe, flegi sian nacian lingvon kaj etnan identecon. La milita katastrofo nur plifortigis nian sentemon pri la lingva kaj pri ĉiu alia diskriminacio. La milito ankoraŭ foje instruis nin ke oni devas ĉiam kaj ĉie konstante kaj aktive konstrui kondiĉojn por la paco, ĉar milito ĉiam minacas. Ĝi vere povas okazi ne nur al aliaj, sed ankaŭ al ni.

I.Š.

# LA MILITA TRAGEDIO

La tristan sorton kiun al nia lando alportis ĉi neimageble kruela milito spertas kaj dividas ankaŭ esperantistoj. Jen kelkaj tragikaj sortoj de niaj membroj kiujn ni sukcesis noti:

**IVICA LEŜKOVIĈ** - *juna esperantisto kiu lernis esperanton jam en elementa lernejo kaj partoprenis Pupteatran Internacian Festivalon en Tromso (Norvegio), malaperis fine de aŭgusto 1991 dum militbataloj en urbeto Hrvatska Kostajnica. Post lia malapero la edzino Snjeĵana naskis ilian trinan infanon.*

**JOSIP VRANIĈ** - *naskiĝis en 1970. Li loĝis en Split kaj tie studis ekonomikon. Antaŭ 10 jaroj li esperantistiĝis kaj estis tre agema membro de E-societoj en Split. Post la unuaj atakoj de la armeo li tuj aliĝis al Kroata Gvardio kaj la 24-an de septembro 1991, defendante sian urbon, li estis mortigita per la unuaj pafoj de malamika armeo. Lia forpaso estis ŝoka ne nur por lia familio, amikoj, kaj esperantistoj sed ankaŭ por la tuta urbo.*

**RENE MATOUŜEK.** *Ankoraŭ ekzistas eta espero ke Rene, 33-jara esperantisto, verkisto kaj dentisto ankoraŭ vivas. Li travivis la tutan tragedion de sia komplere detruita naskiĝurbo Vukovar, sed post la eniro de banditoj kaj serba armeo, li estis disigita de la familianoj kaj kiel civlo militkaptita. Pri lia posta sorto oni nenion scias.*

Adresoj de multaj niaj membroj el Osijek, Vinkovci, Borovo, Zadar, Otoĉac, Daruvar, Lipik, Karlovac kaj pluraj aliaj urboj ne plu aktualas. Iliaj domoj estis detruitaj aŭ malplenaj ĉar oni devis fuĝi. Ili nun loĝas en diversaj rifuĝejoj aŭ ĉe parencoj kaj geamikoj en Kroatio aŭ en eksterlando. La sortoj de tiuj homoj estas teruraj kaj ofte dolorige neimageblaj. Tion konfirmas ankaŭ la letero de nia emerita membro A. Heriĉ: " ... Post la 'subtera kaj rata' vivo en Borovo pasis jam sufiĉe da tempo kaj mi konkludas ke mi povas trakti min normala homo... Kvankam mi ne estis aktiva batalanto, nek mia domo estis soldata objekto, mia loĝejo estis komplete bruligita per granado kaj ĝi fariĝis konstruaĵo kun nigraj muroj ... Mi forlasis la domon dum intensa pafado ... mi venis en Županja kaj se tie ne estus organizita "Ruĝa Kruco" mi estus vere nuda kaj certe mortus malsata...".

**Pluraj esperantistoj tuj post la agreso aliĝis al la formiĝanta Kroata Gvardio kaj ili ankaŭ nun estas sur la fronto defendante nian liberecon kaj malebligas pluan invadon de la agresantoj.**

# ESPERANTISTI U RATU

Na prethodnoj stranici smo zabilježili neke od tragičnih sudbina naših članova stradalih u borbama, na frontovima ili otjeranih iz svojih domova. U ovim teškim i sudbonosnim trenucima za domovinu mnogi su naši esperantisti, u okviru svojih mogućnosti, dali doprinos.

– U kolovozu 1991. Međunarodni centar za usluge u kulturi (IKS) je u suradnji s međunarodnom organizacijom iz Washingtona Peace Child International po prvi puta kod nas (a i u ovom dijelu Europe) organizirao manifestaciju "Dijete mira". Predstava koju su djeca iz različitih kulturnih i jezičnih sredina samostalno, zajednički stvarala tokom svog druženja i boravka u Trakošćanu izvedena je u Varaždinu, Zagrebu, Pečuhu, Olmoucu i u Pragu. Snimila ju je i emitirala Hrvatska televizija a u jesen je više puta izvedena za djecu iz Hrvatske u izbjegličkim logorima u Mađarskoj.

– Niz napisa o ratu i o zbivanjima u Hrvatskoj odaslano je u svijet i objavljeno na esperantu ili putem esperanta u brojnim časopisima ("Monato", "La Espero" /Koreja/, "La Revuo Orienta" /Japan/, "Sennaciulo" /Francuska/, "Etnismo" /Njemačka/, "Elektriken" /Švedska/ itd. Značajnu ulogu u informiranju imala je redovna Radio emisija za esperantiste na prvom programu Hrvatskog radija.

– IKS je objavio poseban informativni letak (kulturogram) o Hrvatskoj s osnovnim podacima o "novoj državi", njenoj povijesti, ratu i o esperantskom pokretu. Letak je razaslan na adrese esperantista širom svijeta.

– Naši su esperantisti održali i niz izlaganja i predavanja o Hrvatskoj na međunarodnim skupovima, odgovarali na brojna pisma i telefonske upite svojih poznanika i prijatelja širom svijeta. IKS je organizirao i izložbu razorenog ateliera slikara Slavena Macolića, iz ciklusa "Oči istine", u mađarskom gradu Varpaloti.

– Mnogi naši članovi uključili su se u prikupljanje humanitarne pomoći a i veći dio rada zasposlenih u IKS-u usmjeren je na realizaciji kulturnih programa za izbjeglice.

Ovo su samo neke od aktivnosti esperantista Hrvatske u tijeku rata. Nadamo se da će se ova lista još uvelike nadopuniti kada se prilike normaliziraju i kad pristignu sve obavijesti u našu redakciju.

"LA GRANDAJ MORALAJ PERTURBOJ SIMILAS LA VARIOLON: SE ĜI NE MORTIGAS, ĜI IMUNIGAS. SED TAMEN ĜI LASAS SIAN PLEJ ELMONTRAN MARKON."

(el "La Bagasejo" de J. A. Almeida, Brazilo)

# KORAK NAPRIJED

Godišnja skupština našeg Saveza održana je 15. 02. 1992. godine u Zagrebu. Usprkos ratu i prometnim neprilikama, ovom su skupu prisustvovali esperantisti iz Splita, Rijeke, Karlovca, Varaždina, Vrbovca, Bjelovara, Pleternice i Zagreba. Među njima je bilo i onih koji su u uniformama hrvatske vojske pristigli s fronta. Mnogi od vas su svojim pismima ili telefonski podržali naš rad i opravdali nemogućnost svog dolaska, bilo zbog prometnih neprilika bilo zbog agresorovih napada, jer su i toga dana na Osijek, Zadar i druga mjesta u Hrvatskoj padale granate. Mnoge naše članove, nažalost, nismo niti mogli obavijestiti o održavanju Skupštine jer su njihovi domovi razoreni, spaljeni, okupirani ili su ih oni, spašavajući život, napustili i otišli u izbjeglištvo.

Minutom tišine prisutni su se prisjetili naših mladih članova poginulih i nestalih u ovom ratu.

Članovi Skupštine su u vrlo konstruktivnom duhu donijeli niz značajnih odluka:

1. Prihvaćene su izmjene i dopune Statuta Saveza.
2. Naziv Saveza na hrvatskom jeziku je: **Hrvatski savez za esperanto**, dok na esperantu ostaje dosadašnji: Kroatia Esperanto-Ligo.
3. Naš Savez istupa iz Jugoslovenskog saveza za esperanto.
4. Upućena je molba za prijem u Svjetski esperantski savez (Universala Esperanto-Asocio). Molbu je već razmatrao Upravni odbor UEA i dao pozitivnu preporuku svojoj Skupštini, koja će o tome odlučivati na svom zasjedanju u Beču na Svjetskom kongresu esperantista.
5. Izabran je novi Upravni odbor Saveza

**Upravni odbor Hrvatskog saveza za esperanto / Estraro de KEL:**

**Predsjednik / Prezidanto**: Akademik Dalibor BROZOVIĆ
**Potpredsjednik / Vicprezidanto**: Neven PUFNIK
**Tajnik / Sekretario**: Ivan ŠPOLJAREC - ŠTEF
**Član / Estrarano**: Vesna HITREC (blagajnik / kasisto)
**Član / Estrarano**: Lucija BORČIĆ
**Član / Estrarano**: Branko FILIPIĆ
**Član / Estrarano**: Vjekoslav MORANKIĆ

**ČLANSTVO u Hrvatskom savezu za esperanto.** Novim Statutom omogućeno je i izravno učlanjivanje pojedinaca u naš Savez. Time je omogućeno aktivnije sudjelovanje u E-pokretu onim pojedincima koji žive u sredinama u kojima ne postoji organizirana esperantska djelatnost ili je ona nedovoljna za njihove potrebe.

- INDIVIDUALNI članovi učlanjuju se izravno u Savez plaćanjem godišnje članarine.

- Status PRIDRUŽENE ORGANIZACIJE imaju esperantska društva, klubovi i udruženja koja prihvaćaju Statut Saveza i uplate godišnje članarinu za najmanje 10 svojih članova za kategoriju "kolektivnog članstva".

- Status KOLEKTIVNOG člana pojedinci ostvaruju učlanjenjem u Savez posredstvom matičnog esperantskog društva ili drugih oblika organiziranog djelovanja. Minimum za kolektivno članstvo je 10 članova.

**Članarina za 1992. godinu.**

- Individualna članarina se plaća u HRD a iznos je radi inflacije vezan za vrijednost 10 DEM po važećem tečaju. Članovi mlađi od 30 godina i umirovljenici uživaju popust od 50%.

- Kolektivna članarina je 50% individualne članarine, t.j. protuvrijednost od 5 DEM, odnosno 2,5 DEM za mladež i umirovljenika.

Članarina se može uplatiti i u dvije rate: prva odmah a druga u rujnu. Uplate prima blagajnik ili se šalju na žiro račun Saveza broj 30102-678-4863.

U okviru Saveza djeluje **ogranak esperantske mladeži** a čine ga svi članovi Saveza koji nisu navršili 30 godina starosti.

S novim poletom, u sada izmjenjenim društvenim prilikama i u samostalnoj i međunarodno priznatoj nam domovini, želimo našem esperantskom pokretu dati novi oblik i sadržaj te ga učiniti suvremenijim i djelotvornijim. Nadamo se, dragi esperantisti, vašoj svesrdnoj pomoći.

## ĈU VI PAGIS MEMROKOTIZON?
## Da li ste platili članarinu?



☐ - JES!
*- Koran dankon.*

☐ - NE, SED MI TUJ TION FAROS!
Mi malgraŭ ĉio deziras resti esperantisto!

VAŽNO!: Molimo sve one koji su članarinu platili na žiro račun da nas o tome i pismeno obavijeste. Hvala.

# KELido nomiĝas KEJA

Se ni havus satirikan gazeton jen kiel ĝi anoncus ĉi-novaĵon: "Ni ĝojas informi vin ke la fiera panjo KEL la 15-an de majo 1992 en Zagrebo naskis belan kaj fortikan idon. La ĉarman novnaskiton oni nomis KEJA. Kaj la naskito kaj la naskinto bone fartas."

Do, fondiĝis KEJA, fondiĝis la Kroatia Esperanto-Junulara Asocio. Ĉu ĝi estas novnaskito aŭ feniksinto? Nome, dum la 70-aj jaroj ekzistis jam samnoma organizo. Elektante nomon oni konsideris ĉi-fakton - ni respektas ja ĝian tradicion - sed ni novas, ni novnaskite novas.

KEJA-n naskigis dudek junaj membroj de KEL. Nune ĉiuj KEL-anoj aĝaj malpli ol 30 jaroj aŭtomate membros en KEJA. Sed ni ne ŝtelas membraron al KEL - KEJA estas junulara sekcio de KEL. Do se KEJA kaj KEL vivas en reciproka amo, ŝato kaj respekto, estiĝas demando ĉu ni entute bezonis fondi KEJA-n? Jes, ĉar nun per KEJA ni starigas novajn komunik-pontojn. Per KEJA eblas oficialigi jam ekzistantajn internaciajn kontaktojn de la kroatia esperantista junularo kun la tutmonda kaj eŭropa gejunula esperantistaro. Nun, havante nian organizon, kunlaboro kun diversaj internaciaj junularaj kaj nejunularaj E-instancoj fariĝas pli senpera kaj konsekvence pli fruktodona. Ho, kia alloga kaj hela esperantista estonteco antaŭ KEJA!

Unua paŝo en realigo de E-revoj de KEJA estis peto al Rotterdam fariĝi landa sekcio de TEJO, paŝo pli formala ol deva, ĉar jam antaŭ la fondiĝo tejaj elstaruloj informiĝadis pri nia junulara E-organizo. Krome ni jam informis la tutan junularan esperantistaron pri nia ekzisto per eta komunikilo. Fine ni malkaŝu kiuj el ni estraranas en KEJA. Prezidas Miren Miloviĉ, vicprezidantoj estas Siniŝa Broniĉ, Nataŝa Majer kaj Vanja Radovanoviĉ, sekretarias Andrea Bajsar, al ŝi asistas Davorka Vela, nia kasistino estas Vesna Hitrec kaj pri informado okupiĝas Ljiljana Pranjiĉ. Plej baldaŭ oni reaŭdos pri ni. En iu el sekvaj Tempo-numeroj jenos niaj planoj kaj programoj. Bondezirojn al ni.

Ljiljana Pranjiĉ

En niaj bultenoj kaj eldonaĵoj mi trafis je kelkaj malĝustaj lingvouzoj. Mi atetntigas vin ne kopii ilin.

| Ne diru: | Sed diru korekte: |
|---|---|
| *Komenciĝis la laboro **super** komputorigo* | Komencis la laboro **pri** (je) komputorigo |
| *Daŭras proceso **ĉirkaŭ** la societo* | Daŭras la proceso **pri** la societejo |
| *Ili **tenis kontaktojn*** | Ili **kontaktis** |
| ***Unuvoĉe** estis decidite* | **Ĉiuvoĉe** estis decidite |
| *Konsultiĝo kun **postenuloj*** | Konsultiĝo kun **deĵorantoj, oficistoj** |
| *Al la ludo estis **akreditaj*** | Al la ludo estis **akredititaj** (la verboradiko ne estas akred-, sed akredit-) |
| *Tie ni **banis** kaj sunumis* | Tie ni nin banis kaj sunumis ("bani" kaj "sunumi" estas tranzitivaj verboj) |
| *La Ligo **kunmetis** donac-kontrakton* | La Ligo **faris** (subskribis, subskribigis) donac-kontrakton |
| *Oni al ŝi aĉetis plej modernajn **aferojn*** | Oni al ŝi aĉetas plej modernajn **aĵojn** (objektojn) |
| *Li plenumis ŝiajn **sonĝojn*** | Li plenumis ŝiajn **revojn** |
| *Terura febro min **penadas*** | Terura febro min **turmentas** |



## 07 JULIO

18–24 SEMINARIO "URBOJ POR VIVI", Berlin/Potsdam, Germanio (Germana Esperanto-Junularo), Unter den Linden 38, D-O-1086, Berlin; tel. +372-203-40564, faks. +372-203-40543).

18–25 KRISTANA ESPERANTO-KONGRESO (KELI + IKUE) – Velence, Hungario. Inf.: Eva Farkas-Tatar, Dohany u. 36 II 2, H-1077, Budapest).

25–01 77-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO - Vieno, Aŭstrio. Inf.: UEA, Nwe. Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

25–01 60-a INTERNACIA KONGRSO DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ - Vieno, Aŭstrio (H. Rader, Paracelsusstr. 13, A-9560 Feldkirchen)

## 08 AŬGUSTO

02–09 48-a IJK (Internacia Junilara Kongreso) – Montreal, Kanado. Adreso: Kanada Esperanto-Junularo, 6358-A rue de Bordeaux, Montreal, Quebec.

03–09 6-a INTERNACIA JUNULARA SEMAJNO - Esztergom, Hungario (Lingvo-Studio, H-1675 Budapest, pk 87)

05–15 65-a KONGRESO de SAT – Kaunas, Litovio (Litova E-Asocio, 233000 Kanaus–C, ab.k. 167; tel +7/0127/208503

09–16 MEZEŬROPA JUNULARA SEMAJNO – Olomouc, Ĉeĥoslovakio (Studentcentrum, Esperanto, Krizkovskeho 14, CS-77200 Olomouc, tel: +42/68/208462). Temo:"Ĉu komuna lingvo sufiĉas? Mezeŭropo prezentas sin."

24–28 SEMINARIO "EŬROPA INTERKOMPRENIĜO" – de la Rejn-Vestfalia E-Ligo, Freudenburg, Germanio (M. Klag, Gorrestr. 51, D-W–4050 Monchengladbach 5; tel. +49/02161/58 35 86)

09 SETEMBRO

| | |
|---|---|
| 18–20 | KONFERENCO PRI "KOMENIO KAJ LA INTERNACIA LINGVO", Sarospatak, Hungario (HEA, pk 193, H-1368 Budapest; tel/fakso +36/1/1560-244). |
| 25–30 | 18-a INTERNACIA FOIRO DE E-TURISMO – Bydgoszcz, Pollando (Esperantotur, adreso sube) |

10 OKTOBRO

| | |
|---|---|
| 01–06 | NACILINGVA TRADUKADO DE ESPERANTA LITERATURO – simpozio de EVA, Poprad, Slovakio (aliĝo ĉe SEA, Sobotske namestie 6, CS-05801 Poprad, Ĉeĥpslovakio, tel +42/92/32419). |
| 08–11 | MONTKASTELA RENKONTIĜO de la Aŭstra E-Junularo – Trofaiach bei Leoben, Aŭstrio (AEJ, Alex Leitner, Matznerg. 26/19, A-1140 Wien). |

11 NOVEMBRO

| | |
|---|---|
| 05–08 | EŬROPA RENKONTO DE DELEGITOJ DE UEA – Budapest–Pecel, Hungario ("Movilo", Hevesi Gy. ut 107 II/8, Budapest, tel. +36/1/271-9510). |

**Aranĝoj dum la tuta jaro**

- **Kultura Centro Esperantista (KCE)**
  Pf. 779, CH-2301 La Chaux- de-Fonds, Svislando.
- **Internacia Esperanto-Kursejo (Pisanica),** Pf. 791, BG-1090 Sofia.
- **Diversaj turismaj aranĝoj kaj vojaĝoj** - "Esperantotur", str. M. Sklodowskiej-Curie 10, PL-85 094 Bydgoszcz.
- **Internacia Kultura kaj Kleriga Centro, E-Centro de SEA**
  Sobotske namestie 6, CS-05801 Poprad, Ŭeĥoslovakio; tel. +42/92/32419
- **Kultura Esperanto-Domo**, Gresillon, F-49150 Bauge, Francio
- **La Kvinpetalo**, route de Civaux, F-86410 Bouresse, Francio; tel. +33/49/428074

**Ni prezentas al vi partojn el la ne vaste konata "politika testamento" de L.L. Zamenhof verkitan en 1915. Vi rimarkos ke ĝi estas ankoraŭ tre aktuala. La tekston ni prenis el la libro "Zamenhof" de Marjorie Boulton.**

# POST LA GRANDA MILITO

## ALVOKO AL LA DIPLOMATOJ

... Kiam finiĝos la grandamasa reciproka buĉado, kiu tiel forte malhonoras la civilizitan mondon, kunvenos la diplomatoj kaj penos reordigi la rilatojn inter la popoloj. Al vi, al tiuj estontaj reordigantoj, mi nun min turnas.

Kiam vi kunvenos post la plej ekstermanta milito, kiun iam konis la historio, vi havos antaŭ vi eksterordinare grandan kaj gravan taskon. De vi dependos, ĉu la mondo havu de nun fortikan pacon por tre longa tempo kaj eble por ĉiam, aŭ ĉu ni havu nur kelktempan silenton, kiun baldaŭ denove interrompas diversaj eksplodoj de intergentaj bataloj aŭ eĉ novaj militoj...

Ĉu vi komencos simple refaradi kaj flikadi la karton de Eŭropo? Ĉu vi simple decidos, ke la terpeco A devas aparteni al gento X kaj la terpeco B al la gento Y? Estas vero, ke tian laboron vi devos fari; sed ĝi devas esti nur negrava **parto** de viaj laboroj; gardu vin, ke la refarado de la karto ne fariĝu la tuta **esenco** de viaj laboroj, ĉar tiam viaj laboroj restus tute senvaloraj, kaj la grandegaj sangaj oferoj, kiujn la homaro elportis, restus vanaj.

Kiom ajn vi volos kontentigi la popolojn, kiom ajn justaj vi penos esti kontraŭ diversaj gentoj, vi nenion atingos per refarado de la karto, ĉar ĉiu ŝajna justeco koncerne unu genton estos samtempe maljusteco koncerne alian genton. La nuna tempo ne estas simila al la tempo antikva: sur ĉiu disputebla peco da tero laboris kaj verŝis sian sangon ne **unu** gento, sed ankaŭ aliaj gentoj; kaj se vi decidos, ke tiu aŭ alia terpeco devas aparteni al tiu aŭ alia gento, vi ne sole ne faros agon justan, sed vi ankaŭ ne forigos sur tiu terpeco la kaŭzon de estonta batalado.

La sola efektive justa decido, kiun vi pova fari, estas: laŭte proklami kiel oficialan, firme interkonsentitan kaj plene garantiitan decidon de ĉiuj

eŭropaj regnoj la sekvantan elemente naturan, sed ĝis nun bedaŭrinde ne observatan principon: **ĉiu lando morale kaj materiale plene egalrajte apartenas al ĉiuj siaj filoj.** Plej bone estus, se anstataŭ diversaj grandaj kaj malgrandaj eŭropaj regnoj ni havus proporcie kaj geografie aranĝitajn "Unuigitajn Ŝtatojn de Eŭropo". Sed se nun estas tro frue paroli pr tio, oni devas almenaŭ per oficiala kaj interkonsentita akcepto de la supre dirita principo forigi tiun grandegan malbonon, tiun senfinan fonton de konstantaj bataloj, kiun prezentas la identigado de lando kun gento.

Kiam la supre dirita principo estos oficiale fiksita per garantiita decido de ĉiuj eŭropaj regnoj, tiam malaperos la ĉefa kaŭzo de militoj kaj de konstanta reciproka timado kaj senfina armiĝado, ĉar tiam oni jam neniam kaj nenie povos diri, ke 'la patrujo estas en danĝero'.

Oni scias ja tre bone, ke la vortoj 'patrujo en danĝero' ne signifas, ke iu volas deŝiri parton de nia patrujo kaj ĵeti ĝin en la maron, aŭ ke iu volas rabi por si la havon ĝiaj loĝantoj, sed plej ordinare tiuj vortoj signifas simple: 'Minacas danĝero, ke sur ia terpeco, kie ĝis nun **mia** gento estis mastro kaj aliaj homoj estis nur pli aŭ malpli tolerataj, morgaŭ eble alia gento fariĝos mastro kaj mia gento estos nur tolerata'.

Mi scias tre bone, ke la malamo inter la gentoj ne malaperos subite, en unu tago, kian ajn aranĝon la diplomatoj farus. Sed por tio poste laboros personoj **privataj**, per predikado, edukado, alkutimigado ktp; de vi, diplomatoj, ni atendas nur, ke vi donu al ni la **eblon** tion fari. Reciproka malamo inter la diversaj gentoj de la homaro ne estas io natura, kiel ne estus natura ia reciproka malamo inter la diversaj familioj de unu gento: la malamon kaŭzas nur - krom la facile forigebla reciproka nekomprenado kaj rekonado - la ekzistado de gentoj premantaj kaj gentoj premataj, la blinda egoismo, fiereco kaj kalumniemeco de la unuaj, la natura reagemeco de la lastaj. Estas facile interfratigi homojn liberajn kaj egalrajtajn, sed estas nefareble interfratigi homojn, el kiuj unuj rigardas sin kiel rajtajn mastrojn super la aliaj.

Sinjoroj diplomatoj! Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo, por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon por ĉiam la **ĉefan kaŭzon** de la militoj, la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭciviliza tempo, **la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj.** .






## HRVATSKO ŽELJEZNIČARSKO ESPERANTSKO DRUŠTVO

Zagrebački esperantisti-željezničari imaju dugogodišnju tradiciju i pohvalnu aktivnost. Na svojoj godišnjoj skupštini održanoj 21. 03. 1992. godine prihvatili su izmjenu svog naziva,te se sada zovu ***Hrvatsko željezničarsko esperantsko društvo*** a na esperantu ***Kroata Fervojista Esperanta Societo*** Zagreb. Skupština je uputila molbu za učlanjenje u Međunarodno udruženje željezničara esperantista IFEF a izabran je i novi predsjednik društva **Marica Brletić**. Članovi HŽED-a su tijekom proteklih mjeseci u više navrata prikupljali pomoć za žrtve rata u Hrvatskoj.

## 2-a AFRIKA KONGRESO de ESPERANTO

Fine de decembro 1991 en urbo Cotonou en Benino okazis DAK (La Dua Afrika Kongreso de Esperanto). Partoprenis 90 personoj el: Benino, Togolando, Ganao, Nigerio, Ebura Bordo, Gabono, Senegalio kaj deko da esperantistoj el Eŭropo. La sekva, 3-a kongreso, okazos en 1993 en Ganao.

## MONDO-RONDO

Mondo-Rondo estas internacia koresponda projekto inter infanaj grupoj pri monda geografio lanĉita de la lerneja organizaĵo "Infanoj ĉirkaŭ la mondo" kiu helpas al infanaj grupoj interkomuniki kaj lerni unu de aliaj.

La ludon Mondo-Rondo povas partopreni iu ajn infangrupo: unue oni devas verki du-tri mallongajn frazojn pri interesa bildkarto, aŭ pri la geografio, bestoj, moroj, popoloj ktp de sia lando (plenkreskuloj povas helpi traduki aŭ, se necese, nur korekti la frazojn en Esperanto); due infanoj kopiu la frazojn klare kaj presklitere en Esperanto sur la bildkarton. La bildarton oni sendu al: *La Esperanto-Klubo, Freese Elementary School, 8140 Greenlawn Drive, San Diego, CA 92114, ŜAD/Usono.* Oni metos vin al la listo de partoprenantoj kaj sendos al vi adreson de ok aliaj partoprenantoj al kiuj vi devas sendi viajn bildkartojn. De iuj aliaj ok partoprenantaj grupoj vi ricevos iliajn bilkartojn kun mesaĝoj en Esperanto.



## NAGRADA ZAMENHOF

Nagradu Zamenhof ustanovio je Svjetski savez esperantista (UEA) da bi odao priznanje i podržao djelatnost pojedinih osoba koje su značajno doprinijele poboljšanju međunarodnog razumjevanja i komuniciranja. Nagradu su do sada

primili **Robert Mueller**, bivši pomoćnik generalnog tajnika Ujedinjenih naroda, sada rektor Sveučilišta mira u Kostariki; **Amadou Mahtar M'Bow**, bivši generalni tajnik UNESCO-a i **James P. Grant**, generalni direktor UNICEF-a.

Prošle godine nagrada Zamenhof je dodijeljena **Sir Braianu Urquhartu** koji od samog osnivanja UN aktivno djeluje na najvišim dužnostima na polju očuvanja mira. Bio je osobni pomoćnik prvog generalnog tajnika UN Trygve Liea, sudjelovao u brojnim mirovnim akcijama UN (Kongo, Cipar, Kašmir, Namibija itd), a od 1974. do 1989. je bio pomoćnik generalnog tajnika UN za posebna politička pitanja i zastupnik UN u najdelikatnijim diplomatskim aktivnostima.

## 78-a UK EN VALENCIO

En la ferma solenaĵo de UK en Bergeno estis anoncite ke la 78-a **Universala Kongreso** de Esperanto okazos en **1993** en **Valencio**. La kongresejo estos Palaco de Muziko. Hispanaj esperantistoj kaj la organiza komitato tre entuziasme kaj ĝojige preparas memorindan kaj mirindan travivaĵon por la partoprenantoj. Ili deziras organizi la kongreson efikan laŭ esperanta vidpunkto sed samtempe amuzan kaj sufiĉe malmultekostan.

## NOVA POPMUZIKO EN ESPERANTO

Laŭ la ideoj de Gunter Koch, germana teamo Tutmonda Muziko, realigis sian unuan, en esperantaj rondoj nekutiman sed bravan projekton. Ili eldonis muzikkasedon, kompaktdiskon kaj tekstokajeron "Esperanto" kiuj enhavas 11 agrable aŭskulteblajn kantojn en esperanto kun moderna muziko. Gravas mencii ke ĉio estis farita je la eksterordinare bonega teknika nivelo komparebla kun la kutimaj tiaspecaj profesiaj varoj. Krom tio ili tuj reklamcele dissendis 400 kompaktdiskojn al la lokaj radiostacioj. Multaj el ili jam prezentis la muzikon kaj ili eĉ sukcesis eniri la televidan programon. La muzikkasedo kostas 20 kaj la kompaktdisko 30 DM. Mendeblas ĉe German Esperanto-Libroservo, Am Stadpfad 11, D-W-6239 Eschborn/ Taunus.

TUTMONDA MUZIKO

## RADIKALNA STRANKA U BORBI ZA ESPERANTO

*"Radikalna stranka želi biti sredstvo transnacionalne akcije za one koji vjeruju u federalizam, demokraciju, pravo i nenasilje, uključujući i ono jezično i kulturno. Činjenica je, sviđala se ona ili ne, da današnja svjetska lingua franca (kontaktni jezik, op. prev.), ugrožava, u razdoblju od nekoliko generacija, postojanje svih drugih jezika. Postoje oni koji tvrde da se ta hegemonija pretvara u političku domninaciju, te se bore za afirmaciju esperanta, koristeći - kako kažu esperantisi - njegove mogućnosti kao sredstav kojim se lakše usvajaju živi jezici. S druge strane sigurno da problem jezične komunikacije predstavlja problem demokracije; ako nas u* 1992. *godini, u svijetu bude na*

*tisuće učlanjenih, uspjet ćemo postaviti i suočiti se s tim problemom, koji predstavlja jedan od zadataka 'Stranke Nove' "*



Ovo je citat iz specijalnog broja novina "Stranka Nova" koju izdaje Radikalna (transnacionalna) stranka. Novina se izdaje na 14 jezika (i na Esperantu), a distribuira u 54 zemlje. U spomenutom broju čitava je strana posvećena esperantu, Zamenhofu i problemu jezične dominacije uz anketni upitnik za čitaoce. Adresa stranke u Hrvatskoj je: Radikalna stranka, Radićeva 15, 41000 Zagreb.

## 20 jaroj de IKS

Internacia Kultura Servo en la malfacila milita jaro plenumis 20 jarojn de sia ekzisto. Longa estas la listo de la eldonitaj libroj, organizitaj kulturaj okazaĵoj, ekspozicioj, klerigaj aranĝoj ktp. Ĝia direktoro Zlatko Tišljar post du jardekoj adiaŭis de la posteno de direktoro kaj de la laboro ĉe IKS.

Kun siaj dek enpostenigitaj oficistoj IKS daŭrigas la laboron pri kulturo kaj Esperanto kaj dankas al ĉiuj kunlaborantoj dise tra la mondo pro la multjara subteno kaj helpo.

## 25-a PIF

Pupteatra Internacia Festivalo okazis pasintjare fine de la aŭgusto en la veraj militkondiĉoj. La ĉi-jara, jubilea PIF okazis inter la 20-a kaj la 25-a de junio en Zagrebo. La festivalon partoprenis dudek teatroj el 8 landoj. La ĉefpremiojn de la faka kaj la infana ĵurioj gajnis Pupteatro Leikbruđuland el Islando. Venontjara PIF denove okazos kiel kutime fine de aŭgusto.






## "LETERO EL ZAGREBO"

Internacia Kultura Servo lanĉis esperantlingvan bultenon **"Letero el Zagrebo"**. Ĝi estas senpage distribuata al la kunlaborantoj de IKS kaj al ĉiuj kiuj interesiĝas kaj deziras subteni la laboron de tiu entrepreno. La bulteno aperas neregule, laŭbezone, kaj informas pri la kultura vivo de Zagrebo kaj pri la laboro de IKS. Interesuloj kiuj deziras ricevi la bultenon bv. tion skribe peti ĉe IKS, pf 499, HR-41000 Zagreb.

## KROATIA RADIO
## - radio-elsendo en Esperanto -

Radio Zagreb (nun Kroatia Radio) de jaro 1953 regule elsendas 15-minutan programon en Esperanto. La elsendon oni povas aŭskulti ĉiu dimanĉe inter la 23.45–24.00 je 262m (1143 kHz).

*IN MEMORIAM*

**D-ro Gabrijel DIVJANOVIĆ**

**D-ro Fran JANJIĆ**

**Veljko ŠEGRC**

**Marta REHORIĆ**

# L SP R NTO KOM N MO

***Kiel vi vidas, sen UEA la Esperanto-komunumo estus apenaŭ rekonebla. Ĝi perdus multon. Eĉ sian sencon.***

Per membriĝo en UEA aŭ ĝia junulara sekcio TEJO, vi aliĝas al tutmonda reto de pli ol 8 000 individuoj kaj 100 landaj kaj fakaj asocioj. Viaj estas:



**La kontaktoj...**
La Jarlibro de UEA kaj la Pasporta Servo de TEJO malfermas al vi mondon sen limoj.

**La eldonaĵoj...**
La plej kompleta Esperanta libroservo regalos vin en 1992 per sia renovigita katalogo de pli ol 3 000 libroj, kasedoj, vidbendoj kaj multe pli.

**La kunlaboro...**
La revuoj *Esperanto*, *TEJO-tutmonde* kaj *Kontakto* donas unike vastan perspektivon pri nia movado.
Jen ĉio por efike aktivi, inkluzive optimismon!

*Ne manku al nia komunumo. Aliĝu al UEA.*

Informoj pri la aliĝo ĉe la ĉefdelegito de UEA en Kroatio:

**S-ro Ivan Špoljarec, Voćarska 28 c, 41000 Zagreb**

MA Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj revuon *Esperanto*),
MA-T Juna Membro-Abonanto (ĝis 29 jaroj – ricevas ankaŭ *Kontakto*-n),
MJ Membro kun Jarlibro (ricevas la Jarlibron, sed ne la revuon),
MJ-T Juna Membro kun Jarlibro (ĝis 29 jaroj – ricevas ankaŭ *Kontakto*-n),
MG Membro kun Gvidlibro (minimuma kategorio), 90 ŝilingoj
DM Dumviva Membro (ricevas la Jarlibron kaj revuon dum la tuta vivo),

# KROATIA ESPERANTA POEMARO

Kroatia Esperanta Poemaro" estas 110-paĝa libro, originale verkita en Esperanto de 22 poetoj, kiuj estas kroatoj aŭ vivis dum certa periodo en Kroatio.

Tiu poemaro, vere leginda, bele prezentita, kun je la fino, biografio de la aŭtoroj, montras ke Kroatio – limo inter la orienta kaj okcidenta pensmaniero, inter islama kaj kristana kulturoj – estis malfermita renkontiĝejo, fekunda grundo por poezii, gastigejo de homoj diversaj, de pensoj malsamaj.

Estas granda ĝuo legi tiujn poemojn, kies temoj estas tre diversaj: la arboj, sezonoj, la maro, la vento, la nokto, la birdoj, la aĵoj, la beleco de la naturo, Esperanto, la vivo, la homo... Tial tiu poemaro atestas pri la universalaj valoroj kaj pledas por la humanismo.

......

Certe, kiel mi, vi ŝatos tiun poemaron, kun kolora, senmonotona stilo. Legante ĝin, vi havos la impreson viziti ĝardenon de multspecaj floroj, diversmaniere aranĝitaj de la poetoj-ĝardenistoj, kies pensoj riĉigos vin ....

Michele FREUD (el "Sennaciulo", marto 1992)

KROATIA ESPERANTA POEMARO





Tibor SEKELJ

*ELPAFU LA SAGON*

*Elpafu la sagon kuraĝa toao*,*
*sed tiel ke ĝi neniun mortigu,*
*neniun ĝi vundu.*

*Elpafu la sagon brava ĉasisto,*
*sed ke ĝi ne vindu beston,*
*ne traboru arbon, ne deŝiru folion.*

*Elpafu la sagon direkten al fora*
*stelo,*
*ke ĝi dissŝutiĝu en mil fajrerojn,*
*ke ĝi lumigu la vojon al ĉiu*
*kiu vagas ĉi nokte.*
*Ke ĝi alportu momenton da belo*
*en la nokton de tiuj kiuj malgajas.*

* indiĝena batalanto

**"KROATIA ESPERANTA POEMARO":** A. Albert, D. Brozović, N. Bubalo-Slavić, Z. Helde, N. Hohlov, F. Homar, R. Imbert, S. Jeĵić, D. Mikuličić, Ĝ. Rašan, T. Sekelj, Z. Seleš, V. Skaljer-Race, M. Solovjev, A. Šimunić, F. Šlabek, M. Špicer, I. Šponar, B. Tolić, B. Vančik, J. Velebit. Redaktis:: L. Borčić, I. Špoljarec kaj Z. Tišljar. Antaŭparolo de I. Ertl.

Eldonis: Internacia Kultura Servo.. (p.p 499, 41000 Zagreb, Kroatio). Kolora kovrilpaĝo. 14,5x20,5 cm. Prezo: 400 HRD.

Kalman Kalocsay

# EN ĈI MURDEPOKO

Subtile kanti en ĉi murdepoko
pri l' propra vivo, kiam ja milmiloj
per bomboj, tankoj, pafoj, pendigiloj
pereas, vere ŝajnus aĉa moko.

La tuta riĉa poezia stoko:
la luno, steloj, floroj, birdotriloj,
la delikataj amaj maltrankviloj
disflugas en la blov' de ĉi siroko.

La morto regas nun, la mort' avida,
amasa mort' vulgara kaj sordida
sen ciprobranĉoj, sen solen' majesta.

Kaj kiel perdis dignon nun la morto,
la am' aspektas same io besta:
la ambrakumo ŝajnas seksperforto.